XIVa jaro. No 201 (5) ☆ Monata ☆ 5 majo 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



# MORTO DE DOKTORO ZAMENHOF



Kun granda ĉagreno ni komunikas al niaj legantoj kaj al la tuta Esperantistaro, ke nia kara Majstro, Doktoro L. L. ZAMENHOF, subite mortis en Varsovio la 14 aprilo 1917.

Telegramo anoncanta la funebran informon aperis en granda nombro de gazetoj, tiel ke multaj Esperantistoj kredeble jam scias pri tiu nova kruela bato.

La morto de nia Majstro estis konfirmita al ni per speciala telegramo. Pliaj detaloj ankoraŭ mankas.

Al Sinjorino Zamenhof, dolorige frapita, kaj al la tuta familio Zamenhof ni sendas, en la nomo de ĉiuj Esperantistoj, la esprimon de nia tutkora simpatio kaj plej profunda bedaŭro.

# DOKTORO ZAMENHOF

Doktoro Zamenhof ankaŭ estas unu el la sennombraj viktimoj de la milito. Forprenante lin el niaj vicoj, la abomena monstro denove frapas senkompate nian aferon, kiun ĝi kvazaŭ senkapigas. Jam de longe la sanstato de nia kara Majstro estis ne bona. Li suferis de kormalsano. Lia familio penis evitigi al li la fortajn emociojn, la lacigojn, la troan movadon, kiuj estis por li danĝeraj, sed la milito efikis kiel la morta falĉilo. Li, kiu ĉiam revis pri interpopola akordiĝo, li, kiu konstante kontraŭbatalis la malamojn naciajn kaj abomenis la militon, estis profunde korfrapita, kiam li vidis, ke popoloj disŝiriĝas, ke sovaĝaj malamoj ĵetas la homojn unuj kontraŭ la aliaj, ke en la propra lando furiozas la milito kun ĉiuj ĝin akompanantaj teruroj. Li ne volis forlasi Varsovion, malgraŭ la militdanĝeroj, kaj tie li malsana atendadis la finon de la tutmonda malfeliĉo, estante preskaŭ sen komuniko kun la Esperantistaro kaj eĉ ne plu havante la eblon korespondi per nia lingvo. Li tamen sciis, ke spite ĉiuj malhelpoj nia movado venke eltenas, kaj li ne malesperis pri la estonteco, ĉar li konsciis, ke en la rekonstrua periodo, kiu sekvos la militon, gravan rolon povos ludi Esperanto por la realproksimigo de la popoloj kaj la restarigo de la internaciaj rilatoj. Ĝis la lasta tempo li pro vivbezono daŭrigis labori kiel okulista kuracisto, kvankam tio estis por li lacigo, sed li intencis baldaŭ ĉesigi sian profesian laboradon kaj sin estonte okupadi pri sistema tradukado en Esperanton. Li lastatempe klopodis por realigi tiun projekton, kiu estis lia vivrevo. Sed la emocioj de la milito tro profunde tuŝis lin, kaj io en li jam estis rompita: la 14 aprilo, li subite mortis; lia granda koro ĉesis bati por ĉiam, kaj por ĉiam ĉesis elradii lia nobla penso.

* * *

Ludoviko Lazaro Zamenhof naskiĝis la 15 decembro (laŭ rusa kalendaro 3 decembro) 1859, en la urbo Bjelostok (gubernio Grodno), kies loĝantaro enhavas kvargentajn elementojn: hebrean (nombre ĝi estas la plej grava), polan, rusan kaj germanan. Li mem apartenis al la hebrea gento; la psikologo sendube retrovos en lia personeco kelkajn el la trajtoj, kiuj karakterizas la pensulojn de tiu multe persekutita, sed ĉiam vivplena kaj pasia popolo: inklino al unueco kaj justeco, internaciemo, kompreno de la diverspopolaj pensmanieroj, obstino, laboremo, vigla inteligento, lingva talento. Lia patro, Marko Zamenhof, havis lernejon, kaj krom tio instruis la francan kaj la germanan lingvojn, kun kiuj la juna Zamenhof konatiĝis de la plej frua aĝo; li ankaŭ frutempe posedis la polan, la rusan kaj la hebrean lingvojn, parolatajn en lia multidioma naskurbo [1]. Li cetere montris eksterordinaran kapablon por la lernado, tiel ke je la aĝo de kvar jaroj li bone legis kaj skribis. Jam en tiu epoko, lia sano estis delikata. Li estis revema, sentema kaj impresebla. En 1869 li komencis studadi ĉe la Bjelostoka Reala Lernejo ĝis 1873; tiam liaj gepatroj transloĝiĝis Varsovion, kie la patro akceptis la oficon de lerneja inspektoro, poste de profesoro ĉe la Reala Lernejo. En 1874, la juna Zamenhof fariĝis lernanto ĉe la filologia gimnazio, kie li ĉiam distingiĝis en la unua vico. Ĉiuj kolegoj liaj lin sincere amis kaj rigardis lin kiel la plej aŭtoritata kaj la plej klera el ili.

Jam antaŭ la eniro en la gimnazion la penso pri internacia lingvo okupadis la spiriton de Zamenhof. Ĉiuj Esperantistoj legis la faman leteron pri la deveno de Esperanto, en kiu nia Majstro rakontas en simpla kaj trafa maniero, kiel kaptis lin la ideo pri internacia lingvo. „La ideo, al kies efektiviĝo mi dediĉis mian tutan vivon, li rakontas, aperis ĉe mi — estas ridinde tion diri — en la plej frua infaneco kaj de tiu tempo neniam min forlasadis; mi vivis kun ĝi kaj eĉ ne povis min imagi sen ĝi." Tiaspeca konstanta priokupo ĉe infano jam estas neordinara fenomeno, kiu konstatiĝas nur ĉe superaj spiritoj. Sed kiam la racio kaj la volo ne kunhelpas je la anima fervoro, ofte tiuj belaj intencoj de la frua aĝo restas por eterne nuraj intencoj neniam enkorpiĝontaj. Ĉe Zamenhof, la inteligento, kiu prilaboras, kaj la volo, kiu renversas la malhelpojn, estis egalaj je la fervoro de la sentoj; dank' al tiu ekvilibro, tio, kio ĉe aliaj estus restinta projekto aŭ senforma kreaĵo, fariĝis vivanta harmonia realaĵo.

Ĉiu inter niaj vicoj scias pri la idealo de interpopola akordiĝo, kiu instigis kaj gvidis nian Majstron en lia laborado. Li tion mem rakontis: „Oni edukadis min kiel idealiston; oni min instruis, ke ĉiuj homoj estas fratoj, kaj dume, sur la strato kaj sur la korto, ĉio ĉe ĉiu paŝo igis min senti, ke *homoj* ne ekzistas: ekzistas sole *Rusoj, Poloj, Germanoj, Hebreoj,* k. t. p. Ĉio tio ĉiam forte turmentis mian infanan animon, kvankam multaj eble ridetos pri tiu ĉi „doloro pro la mondo" ĉe infano."

Jen kial Zamenhof kreis Esperanton: por plifaciligi la alproksimiĝon inter la homoj, por doni al ili la eblon interfratiĝadi. Li ja sciis, ke lingvo internacia ankaŭ havos gravan praktikan rolon en la ĉiutaga vivo, sed ne pri tio li ĉefe atentis. Li konsideris la lingvon internacian kiel socian ilon, kiu antaŭ ĉio plifortigos ĉe la homoj la senton pri ilia komuneco kaj anima solidareco. Li ankaŭ ne estis lingvosciencisto laboranta por malgranda rondo de kleruloj. Li estis homo sin turnanta al la tuta homaro. Sian lingvosciencon li servigis por la realigo de homama celo, ne por la atingo de pure scienca celo. Kiu vidas en Doktoro Zamenhof nuran scienculon, tiu neniam komprenos lian personecon, nek la sencon de nia movado.

Zamenhof jam fervore laboris en la gimnazio pri la nova lingvo. Frue li komprenis, ke tiu lingvo povos esti nek iu el la mortintaj lingvoj, nek iu el la naciaj lingvoj, sed ke ĝi devas esti neŭtrala. En la letero al Borovko, li rakontas, kiamaniere li, post forĵeto de diversaj utopiaj projektoj, konvinkiĝis, ke la materialo por la vortaro devas esti romanagermana. La studo de la angla lingvo, post la komplika greka kaj latina, estis montrinta al li, ke la riĉeco de gramatikaj formoj estas nur blinda historia okazo, sed ne estas necesa por la lingvo. Zamenhof tre frue konsciis, ke la facileco de la nova lingvo estas necesa kondiĉo por ĝia rapida disvastiĝo. Li jam ellaboris simplan gramatikon, sed la ideo pri la grandegaj vortaroj ankoraŭ turmentis lin. Oni scias, kiamaniere la observo de polaj surskriboj kun la sama finiĝa sufikso donis al li la ideon utiligi la sufiksojn por plimalgrandigi la vortarojn." Mi komprenis, li diras, kian grandan signifon povas havi por lingvo konscie kreata la plena uzado de tiu forto, kiu en naturaj lingvoj efikis nur parte, blinde, neregule kaj neplene. Mi komencis komparadi vortojn, serĉadi inter ili konstantajn, difinitajn rilatojn, kaj ĉiutage mi forĵetadis el la vortaro novan grandegan serion da vortoj, anstataŭante tiun ĉi grandegon per unu sufikso, kiu signifis certan rilaton."

Estas rimarkinde, ke en sia ellaborado Zamenhof nenion

[1] Multaj detaloj pri la vivo de nia Majstro estas elĉerpitaj el artikolo de lia frato, D-ro Leono Zamenhof, kiu aperis en *Universo* (N-ro 6a, 1910) kaj en *Esperanto* (N-ro 125, 20 junio 1912).

prenas el la aliaj. La historion pri la antaŭaj provoj de lingvo internacia li tute ne konis, kaj al la jam aperintaj sistemoj li nenion ŝuldas. Li ankaŭ ne legis dikajn volumojn de lingvoscienco kaj ne sentis la bezonon konatiĝi kun ĉiuj tiam ekzistantaj teorioj pri la esenco de la lingvoj. Tia studado estus rapide mortiginta lian kreemon. Konstatante tiun memstarecon de lia evoluo, oni rajtas diri, ke eĉ se Zamenhof estus naskita kvindek aŭ cent jarojn pli frue, Esperanto tamen estus kreita en la sama formo. Kiel ĉiuj geniaj kreantoj, Zamenhof rekte observis per sia propraj rimedoj, ne tra la libroj kaj teorioj de aliaj scienculoj. Dank' al tiu rekta observado de la naturo, li sukcesis eltrovi ion novan, kaj precipe li konservis sian liberecon kaj freŝecon de pensado, ne embarasite per la mortinta balasto de la teorioj aŭ sciencaj antaŭjuĝoj. Ĉio en la kreiĝa procedo de Esperanto estas kvazaŭ signata per la stampo de la genio, harmonia, sana, ekvilibra genio, kiu havas ĝustan senton pri la mezuroj, kaj neniam lasas sin blinde konduki per unu sola principo. Lia inteligento superrigardas la problemon en ĉiuj ĝiaj aspektoj: facileco, logiko, internacieco, bonsoneco. Li ĉiam penas ne oferi unu principon al la alia, sed, kontraŭe, ekvilibre kunmeti ilin kaj resti sur la meza ĝusta vojo. En tiu rilato Esperanto estas vera arta ĉefverko, miraklo de ekvilibro inter la diversgentaj pensmanieroj kaj inter la diverssistemaj principoj. Ĝi pensigas nin pri harmonia, simpla, belproporcia monumento de klasika epoko.

* * *

En 1878, la lingvo jam estis pli-malpli preta. Ŝajnas laŭ la malgranda teksto, kiun ni konas el la tiama lingvo, ke la ĉefaj principoj, sur kiuj bazas la nuna Esperanto, jam estis eltrovitaj. Sed Zamenhof estis tiam ankoraŭ tro juna por eliri publike kun sia laboro; li decidis atendi kelkajn jarojn, kaj dume zorgeme elprovi la lingvon kaj plene prilabori ĝin praktike: „Mi multe tradukadis en mian lingvon, skribis en ĝi verkojn originalajn, kaj vastaj provoj montris al mi, ke tio, kio ŝajnis al mi tute preta teorie, estas ankoraŭ ne preta praktike. Multon mi devis ĉirkaŭhaki, anstataŭi, korekti kaj radike transformi. Vortoj kaj formoj, principoj kaj postuloj puŝis kaj malhelpis unu la alian, dume en la teorio, ĉio aparte kaj en mallongaj provoj, ili ŝajnis al mi tute bonaj... En la jaro 1878 al mi ŝajnis, ke estas por la lingvo sufiĉe havi gramatikon kaj vortaron; la multepezecon kaj malgraciecon de la lingvo mi alskribadis nur al tio, ke mi ankoraŭ ne sufiĉe bone ĝin posedas; sed la praktiko ĉiam pli kaj pli konvinkadis min, ke la lingvo bezonas ankoraŭ ian nekapteblan ion, la kunligantan elementon, donantan al la lingvo vivon kaj difinitan tute formitan spiriton.“

Tiu inkubperiodo estis do tre valora por nia lingvo, kiu akiris propran spiriton kaj fariĝis viva kreaĵo, tial ke almenaŭ unu homo pensis per ĝi kaj uzis ĝin.

Sed de tiam ankaŭ komencas la batalado kontraŭ la malfacilaĵoj de la vivo kaj la homa malsaĝeco. Renkontinte nur mokemon, Zamenhof decidis ne plu paroli pri sia ideo kaj labori tute sole. Lia patro estis parolinta pri la laboroj de sia filo al direktoro de unu el la Varsoviaj gimnazioj, kiu responde diris, ke lia laboro estas plej senduba simptomo de komenciĝanta nesanigebla frenezo! Zamenhof devis promesi al sia patro, ke li ne okupos sin pri la afero ĝis li finos sian universitatan studadon, kaj li fordonis al li siajn manuskriptojn. En 1879 li forveturis Moskvon por studi la medicinon en la universitato; du jarojn poste, li revenis Varsovion, kies universitaton li vizitis, kaj en 1885 li ricevis la kuracistan diplomon. Li tiam por laborenspezi sian vivon veturis en urbeton Wejseje (Suwalka gubernio), kaj komencis sian medicinan praktikadon, „sed, rakontas lia frato, havante tre impreseblan karakteron, li tro multe suferis morale en sia rolo de ‚kuracisto por ĉio‘; ĉiufoje, kiam li al iu el siaj pacientoj ne povis helpi, aŭ des pli kiam iu el liaj pacientoj mortis, li faris al si akrajn riproĉojn, ke tio estas la kulpo de lia nebona kuracado; tial post kvarmonata praktikado en la urbeto li decidis elekti por si specialecon“. Li do revenis Varsovion por studi okulmedicinon, praktikis kelkan tempon en Plock, studis denove kelkajn monatojn en Vieno, kaj fine en 1886 komencis okulpraktikadon en Varsovio, ĉe la loĝejo de siaj gepatroj.

Multe prilaborinte la lingvon dum tiu ĉi periodo, Zamenhof decidis publikigi la unuan lernolibron, sed dum du jaroj li vane serĉis eldoniston. Fine, en 1887 li sukcesis per prunteprenita mono eldoni mem la unuan libron. En tiu sama jaro li edziĝis kun Fraŭlino Klara Silbernik, kiu de tiam fariĝis la fidele sindonema helpantino de nia Majstro, kiun ŝi ofte rekuraĝigis en la malfacilaj momentoj, kaj la unua adeptino de Esperanto. Sed ankaŭ pliakriĝis la batalo por la vivo. La nombro de la pacientoj estis tre malgrava, kaj la monon de la juna paro (Sinjorino Zamenhof havis negrandan kapitalon) rapide englutis la eldonado de la unuaj libroj, la senpaga dissendo al gazetoj kaj societoj, la anoncado en jurnaloj. En 1889, Zamenhof estis tute senmona, kaj li decidis serĉi sian panon en alia loko, kie ne loĝas aliaj okulistoj. Li haltis unue en Brest-Litovsk, sed la urbo estis tro malriĉa, por ke okulisto povu tie laborenspezi por sia vivo; poste, li iris al sia naskurbo Bjelostok, kie la kondiĉoj estis malfavoraj, ĉar jam loĝis tie okulisto, fine al Ĥerson (Suda Ruslando), kie li tre malfacile vivis dum kvin monatoj, ne sukcesinte akiri al si klientaron. Malhelpis lin la fakto, ke li okupas sin pri Esperanto, kaj la publiko kutime ne konfidas al kuracisto, kiu ne tute fordonas sin al sia profesio. Deveninte lian nebonan situacion, lia bopatro, kiu jam kelkfoje helpis lin, insistis, ke li denove akceptu lian subtenon kaj reveturu Varsovion. Tion li faris en majo 1890, kaj li tie rekomencis sian praktikadon, sed kun same nesufiĉa nombro da pacientoj.

* * *

Intertempe Esperanto ekdisvastiĝis. En 1887 aperis, krom la rusa broŝuro, eldonoj pola, franca kaj germana. En komenco de 1888 por respondi al multaj demandoj, li eldonis novan broŝuron nur en Esperanto, sub la titolo: „Dua Libro de l' lingvo internacia“, en kiu li ekzamenis la kritikojn faritajn post la apero de l' unua broŝuro. Neniu aŭtoro estis pli modesta, malpli aŭtoritatema ol li. „Mi ne volas esti *kreinto* de l' lingvo, li diras, mi volas nur esti *iniciatoro*... Se ia kompetenta akademio min sciigos, ke ĝi volas preni tiun ĉi laboron, mi tuj sendos al ĝi la tutan materialon, kiu estas ĉe mi, mi fordonos al ĝi la tutan aferon, mi foriros kun la plej granda ĝojo je eterne de l' sceno, kaj el aŭtoro kaj iniciatoro mi fariĝos simpla amiko de la lingvo internacia, kiel ĉiu alia amiko“. En tiu libro li anoncis, ke dum 1888 la lingvo restos senŝanĝa, sed ke li ankoraŭ serioze ekzamenos ĉiujn proponojn de la publiko, kaj poste la lingvo ricevos sian definitivan formon.

En 1889 li kredis, ke lia deziro realiĝos. La Amerika Filozofia Societo ekstudis la demandon pri lingvo internacia, sekve de la agitado kreita de Volapük, kaj proponis aranĝi kongreson por elekti la finan formon de tia lingvo. Zamenhof tuj anoncis, ke li transdonas la tutan sorton de la lingvo al la okazonta kongreso. Sian intencon li konigis en la „Aldono de la Dua Libro“, kiu estas interesa precipe ĉar en la sama broŝuro li montras en kelkaj admirindaj paĝoj, kies pravecon montris la posta historio de nia lingvo,

kiamaniere devas vivi kaj pliriĉiĝi la lingvo. „Por ke lingvo povu regule, unuforme kaj unuvoje progresadi malgraŭ la disjetita laboro de malsamaj personoj en malsamaj lokoj de la tuta mondo, oni devis krei komunan fundamenton, sur kiu ĉiuj povus labori. Tia komuna fundamento por la „Lingvo internacia“ devas esti mia unua broŝuro, kiu havas en si la tutan gramatikon de la lingvo kaj sufiĉe grandan nombron da vortoj ... Ĉio cetera devas esti kreata de la homa societo kaj de la vivo tiel, kiel ni vidas en ĉiu el la vivantaj lingvoj ... La lingvo internacia devas vivi, kreski kaj progresi laŭ la samaj leĝoj, laŭ kiaj estis ellaborataj ĉiuj vivaj lingvoj, kaj tiu formo, kiun mi donis al ĝi, tiu gramatiko kaj vortaro, kiujn mi prezentis, devas esti sole fundamento, sur kiu estos ellaborata la efektiva lingvo internacia de l' estonteco.“

La propono de la Amerika Filozofia Societo, pro la indiferenteco kaj rutinemo de la ceteraj sciencaj korporacioj, estis sen rezultato, kaj Esperanto daŭrigis disvastiĝi per individua propagando, malgraŭ la forrestado de la sciencaj rondoj. Einstein, Schmidt, Trompeter, Philipps, Grabowski, Geoghegan estas la nomoj de la unuaj pioniroj. En 1889 aperis en Nürnberg la unua numero de „La Esperantisto“; kelkaj literaturajoj, diverslingvaj lernolibroj estis eldonataj; laŭ la adresaroj publikigitaj, la nombro de la Esperantistoj tiam atingis ĉirkaŭ mil kvin cent. Sed de 1890 komenciĝis longa agitado pri la fondo de Ligo kaj precipe pri ŝanĝoj en la lingvo. Tiu por la vivo de la lingvo danĝera disputado finiĝis en 1894 per voĉdonado de la tiamaj Esperantistoj kontraŭ ĉiu ŝanĝo en Esperanto. La aŭtoran liberalecon de Zamenhof oni povas juĝi per tio, ke la gravan demandon pri reformoj li mem ne solvis per propra aŭtoritato, sed lasis al la fina decido de la uzantoj de la lingvo.

Dum tiu periodo, Zamenhof ankoraŭ batalis kontraŭ la malfacilaj vivkondiĉoj. Li kelkan tempon prenis sur sin la eldonadon de „La Esperantisto“, sed la gazeto donis nur malprofiton, kaj post sensukcesa provo aranĝi akcian societon, Zamenhof transdonis la gazeton al malavara Trompeter, kiu helpis lin ĝis 1894. Ne sukcesinte gajni sian ĉiutagan panon en Varsovio, li kun la edzino kaj la du infanoj translokiĝis en 1893 al Grodno, kie ili restis kvar jarojn. En la unua tempo, la enspezoj sufiĉis por modesta vivado, sed alia okulisto enloĝiĝis en Grodno, kaj la kondiĉoj denove plimalfaciliĝis. Zamenhof ree devis akcepti helpon de sia bopatro; de tio li multe suferis, kvankam la helpo estis donita volonte kaj senriproĉe. Plie, al tio aldoniĝis la prizorgoj pro Esperanto. En 1895, pro publikigo de artikolo de Tolstoj, la rusa cenzuro malpermesis la eniradon de „La Esperantisto“, kies plej multaj abonantoj loĝis en Ruslando. La gazeto ĉesis aperi post sesjara ekzisto. Dolora frapo. Tamen, en la sama jaro, la fervora grupo en Upsala, kun la financa helpo de S-ro Gernet, el Odessa, eldonis novan gazeton sub la titolo „Lingvo Internacia“. Esperanto daŭrigis malrapide trabori sian vojon, kaj iom post iom varbis novajn amikojn en ĉiuj landoj. Sed la persona situacio de Zamenhof ne pliboniĝis. Turmentite per tiuj malfacilaĵoj, li decidis fari lastan provon, nome dum du aŭ tri jaroj sin tute fordoni al sia profesio kaj formeti de si la esperantan laboron, krom la plej necesa korespondado kaj la eldonado de la Adresaro.

Forveturinte kelkan tempon al Vieno por refreŝigi siajn medicinajn sciojn, li reiris Varsovion kaj tie enloĝiĝis en la plej malriĉa kvartalo (Ul. Dzika 9), kie neniu specialisto iam loĝis, ĉar la pacientoj tro malmulte pagas. „Li komencis akceptadi la malriĉajn pacientojn, rakontas lia frato, dediĉadi al ili sian tutan atenton por akiri ilian konfidon; li penis per ĉiuj fortoj, ke oni forgesu, ke li estas aŭtoro de la lingvo, ke oni vidu en li nur kuraciston.“ La rezultato de la unua jaro estis nekontentiga, kaj Zamenhof malesperis iam sukcesi, sed pli malfrue, iom-post-iom, pacientoj venis pli multnombraj, kaj fine momento estis, en 1893, kiam li ekhavis sufiĉan klientaron, dank' al kiu li kaj la familio povis modeste vivadi, ne plu bezonante ies helpon. Li praktikadis en tiu malriĉa kvartalo ĝis 1916 kiam li transdonis la klientaron al sia filo Adamo.

Dum tiu sama periodo, Esperanto ankaŭ progresas pli rapide ol antaŭe. En 1898 ĝi enpenetras en Francujon, kie ĝi gajnas fervorajn kaj kapablajn amikojn, dank' al kiuj la propagando organiziĝas en pli sistema kaj pli fruktodona maniero. Ĝi ankaŭ disvastiĝas en aliaj landoj: Belgujo, Nederlando, Svisujo, Hispanujo, Britujo, Kanado. Kelkaj esperantaj gazetoj regule aperas, kaj multaj lernolibroj kaj literaturaj verkoj estas eldonataj. La grava eldonfirmo Hachette interesiĝas je Esperanto kaj komencas publikigon de kolekto aprobita de D-ro Zamenhof. Esperanto jam eliris el la heroa periodo kaj atingas la pli vastajn rondojn de la publiko. Neniu plu dubas pri la estonteco.

Fine, en 1905, la unua universala kongreso en Boulogne-sur-Mer kvazaŭ signas la komencon de nova epoko. Por la unua fojo en sia vivo Zamenhof ekĝuas la fruktojn de sia laborado. Li kun sia edzino ĉeestas je la unua Kongreso, kie lin akceptas la dankaj kaj entuziasmaj aklamoj de kelkcentoj da samideanoj venintaj el ĉiuj landoj. Tie li inaŭguris la serion de siaj altpensaj kongresparoladoj, en kiuj li kutimis trakti la ĉefajn demandojn pri la esperanta afero kaj, — almenaŭ en la tri unuaj paroladoj —, rememorigi pri la interna ideo de Esperanto.

D-ro Zamenhof opiniis, ke la reciprokan alproksimiĝon de la homoj malhelpas ne sole la diverseco de lingvoj, sed ankaŭ la diverseco de religioj. Kiel li estis trovinta neŭtralan lingvan fundamenton, sur kiu la homoj povas pace interrilatadi ne altrudante unu al la alia la propran gentan lingvon, tiel same li revis pri la starigo de neŭtrale-homa religia fundamento, sur kiu la diversreligiaj homoj povus pace interrilatadi, ne rezignante je sia propra kredo. La etiko de tiu neŭtrale-homa religio, nomata unue Hilelismo (laŭ la hebrea profeto Hilel), poste Homaranismo, bazus sur la elementoj komunaj je ĉiuj religiaj sistemoj. La principojn de tiu religia kaj etika sintezo li klarigis en broŝuro, kiun li subskribis pseŭdonime, ĉar li ne volis, ke oni miksu lian privatan agadon por la Homaranismo kun la esperanta afero. Sed la fakto, ke li estis samtempe aŭtoro de Esperanto, malfaciligis lian liberecon de agado por iniciati movadon, kiu estus sendependa de la esperanta, kvankam sendube multaj Esperantistoj estus ankaŭ aliĝintaj al la ideoj de nia Majstro en tiu rilato. La projekto pri Homaranismo do ne havis sekvon, sed eĥon de la homaranista penso oni retrovas en la kongresaj paroladoj, speciale ĉe la dua kaj tria kongreso. Kiu studos la vivon de Zamenhof, tiu nepre devos ankaŭ atenti pri tiu ĉi flanko de lia pensado, kiu iel parencigas lin al la malnovaj hebreaj profetoj.

* * *

La historio de la postaj jaroj estas preskaŭ nuntempa, kaj pli-malpli konata de la Esperantistoj. La vivkondiĉoj de nia Majstro, kvankam neniel brilaj, certigis al li modestan ekziston. Malgraŭ allogaj proponoj al li faritaj, li ne volis forlasi Varsovion, kaj ĉiam preferis konservi plenan sendependecon de la Esperantistaro. Lia vivo fluadis trankvile, sed apenaŭ sufiĉis al li la tempo por prizorgi la profesian devon kaj la grandan esperantan korespondadon. De 1906 li regule kunlaboris je „La Revuo“ kaj faris kelkajn belajn tradukojn: La Revizoro, de Gogol, George Dandin, de Molière, la admirindan Ifigenio, de Gœthe, luditan ĉe la

**Dresdena Kongreso, kaj fragmentojn de la Malnova Testamento.**[1]

**Ĉiujare lia sola libertempo, cetere tre laciga, estis la veturado al la kongresurbo.** Kiu ĉeestinto ne rememoras sen emocio la solenan kaj ĉiam impresan momenton, kiam Zamenhof, ĉirkaŭata de la estraro, supreniras la estradon? Kvazaŭ movita per risorto, stariĝas la tuta ĉeestantaro, ĉapeloj leviĝas, svingiĝas flagetoj, kaj el ĉiuj flankoj senfinaj aklamoj salutas la kreinton. Li estas tie, malgranda, rigida, modesta, enpensiĝema, kortuŝata. Mi dubas, ĉu multaj homoj estis tiel longe kaj precipe tiel sincere ovaciitaj. De ĉiuj al li iris fluo de amo kaj respekto. Dum la daŭro de la kongreso li ĉeestadis ĉiujn laborkunsidojn, sed nur tre malofte parolis. Li ne deziris, ke oni akceptu lian opinion simple ĉar ĝi estas lia, kaj tial ke inter la Esperantistaro regis tia inklino, li prefere sin tenadis for de ĉia enmikso en la aferojn de la Esperantistaro. Li estis kvazaŭ la reĝo de konstitucia regno: li reĝis, sed ne regis. Cetere, tia sintenado, rimarkinde senaltruda, estis ankaŭ utila al nia movado, ĉar ĝi al li permesis paroli kun tiom pli granda aŭtoritato ĉe tute gravaj cirkonstancoj.

Kvankam pli feliĉa ol la antaŭa, tiu ĉi periodo tamen ne estis al li tute dolĉa. Kun la kresko de nia movado, plimultiĝis la tendencoj kaj sekve la ebloj de malkonsentoj interne de nia tendaro. Lin ĉagrenis tiuj disputoj, cetere apenaŭ eviteblaj en vasta movado. Por restarigo de la konkordo li ĉiam penis agi. Pli grava el ĉiuj estis la Delegacia afero, kiu dum kelka tempo naskis akran krizon. Persone Zamenhof neniam pretendis, ke lia verko estas perfekta; aŭtoran memamon li ne havis, kiel pruvis la pasinto, sed la historio de Esperanto estis montrinta al li la danĝeron de la prilingvaj diskutoj, kaj de la serĉado al iluzia plibonigo. Li principe kontraŭstaradis al reformoj tiel longe kiel ili ne estos trudataj de granda forto, ekzemple registaroj. Antaŭ ĉio li celis al tio, ke estu konservata la unueco, multe pli grava ol la lingva perfekteco, kiun ĉiu al si prezentas malsame. Por meti finon al la agitado kreita interne de la Esperantistaro, li publikigis en januaro 1908 cirkuleran leteron al ĉiuj Esperantistoj, per kiu li konigis sian opinion pri la rolo de la „Delegacia“ komitato. Li tiel faris gravan servon al nia afero.

Je la oka Kongreso, en Krakovo, nia Majstro uzis la okazon de la dudek-kvina datreveno de Esperanto por formeti de si ĉian oficialan rolon: „La nuna kongreso estas la lasta, en kiu vi vidas min antaŭ vi; poste, se mi povos veni al vi, vi ĉiam vidos min nur inter vi.“ Al tio li aldonis: „... Estas necese, ke la mondo sciiĝu tute klare, ke Esperanto povas havi aŭ ne havi siajn libere elektitajn gvidantojn, sed ke ĝi posedas nenian konstantan majstron. Nomu min per mia nomo, nomu min fondinto de la lingvo, aŭ kiel vi volas, sed mi petas vin, ne nomu min plu Majstro, ĉar per tiu morale liganta nomo vi malliberigas nian aferon.“ La Esperantistaro ne obeis lin kaj daŭrigis nomi lin „kara Majstro“, sed li, konforme al la esprimita intenco, ĉeestis kiel simpla privatulo la sekvantan kongreson, kaj rifuzis ĉian solenan honorigon. Li estis sur la vojo al la Pariza Kongreso, kiam eksplodis la milito, kaj nur malfacile li povis reveturi Varsovion, en kies proksimeco furiozis la batalado ...

* * *

Tia estas, tre malplene kaj seke skizita, la vivo de nia Majstro, vivo maldolĉa en sia unua parto kaj strange simila al tiu de multaj geniuloj, poste pli feliĉa pro la altuŝo de l' sukceso, sed en sia fino denove mallumigata de la homa militfrenezo. Idealisto li estis laŭ sia inspiro. La bono de la tuta homaro estis lia sola priokupo, kaj ne nur al lia lingva genio ni ŝuldas Esperanton, sed ankaŭ al lia koro de homamanto, al lia amo al justeco. Tiu idealisto, cetere, havis ĝustan senton pri la realaĵoj kaj sagacan pensmanieron. Prudenta, ekvilibra, trankvila li ĉiam estis. Ĉiuj, kiuj havis la privilegion proksime rilati kun Zamenhof, kun emocio rememoros pri lia persono. Simpla li estis, modesta ĝis timemo, kompleza, afabla, indulgema, bonkora. La ovacioj kaj honorigoj al li faritaj neniel ŝanĝis la simplecon de liaj moroj kaj la amindecon de lia sintenado. Ĉiu Esperantisto, tiel humila li estis, trovis ĉe li amikan akcepton kaj bonan konsilon. Malmulte parolema li estis, sed tio, kion li diris, estis mature pripensita kaj trafa. El lia persono elradiis nedifinebla „io“, kiu vekis respekton.

Meze de niaj vicoj ni plu ne vidos lin, sed ne tute li malaperis. Al ni restas unika heredaĵo: simpla, fleksebla, belsona, harmonia lingvo, kiu estas kvazaŭ la voĉo de la estonta unuigita homaro. Sur niaj lipoj vivos la sonaro de li kreita, en niaj koroj konserviĝos la fidela dankado por ĉio, kion li al ni donacis. Vera kreanto kaj bonfaranto li ja estis. Al miloj da homoj li havigis ĝojon kaj plezuron, malfermis novajn horizontojn, plibeligis la vivon, kaj tra multaj suferoj li forĝis la ilon, kiu helpos al la reunuiĝo de la homaro. Ho! vi, kiuj nun tra la mondo plenmane dissemas suferon, malĝojon kaj turmenton, vi predikantoj de malamoj, vi ekscitantoj al malpaco, vi detruantoj de vivoj kaj homaj verkoj, vi ne ankaŭ kapablas kompreni, *kiu* malaperis. Preskaŭ nerimarkite pasis la morto de Zamenhof, meze de tiel multaj novaĵoj. Sed la historio revizios la nunajn juĝojn. Tago venos, kiam la memoron de Zamenhof oni solene festos. Filoj de tiuj, kiuj hodiaŭ indiferente legis pri lia morto, laŭdados lian vivon, kaj al lia glorigo monumentoj estos starigataj de la homaro, ofte dankema al la mortintoj sed kruela al la vivantoj, kiuj por ĝi laboras.

Kiel granda estas nia ĉagreno en la hodiaŭa tago, ni tamen ne forgesu, ke ĝuste la amo al la memoro de nia Majstro al ni trudas la premantan devon, unuigite kaj fidele labori laŭ la vojo de li montrita. Malfacilaj estas la kondiĉoj de nia agado, sed nepre ni devas esti sufiĉe fortaj por elteni kontraŭ la severeco de l' tempo. Sur la nuna Esperantistaro kuŝas la sorto de nia afero. De ĝia fervoro kaj fideleco dependas la fakto, ke ĉio kreita kun tiom da penoj, tra tiom da doloroj kaj malfacilaĵoj, estu konservata por la bono de la estonta homaro. Rememorante al la vivo de Zamenhof ni ĉerpos kuraĝon, konsolon kaj energion. Senŝanceliĝe, kun la sama obstino kaj oferemo,

La verdan standardon tre alte ni tenos,
Ĝi signas la bonon kaj belon.
La forto mistera de l' mondo nin benos,
Kaj nian atingos ni celon!

*H. Hodler.*

[1] D-ro Zamenhof povis fini en la nuna jaro la tradukadon de la tuta Malnova Testamento. La manuskripto de tiu grandega laboro kuŝas nun en Varsovio.

# ZAMENHOFAJ PAROLOJ

El la diversaj kongresaj paroladoj kaj aliaj skribajoj de D-ro Zamenhof, ni eltiris kelkajn el la plej karakterizaj pecoj, kiuj klare montras la pensmanieron de nia Majstro pri la temoj lin plej multe interesintaj.

## Pri la interna ideo de Esperanto

„. . . Se mi la tutan pli bonan parton de mia vivo memvole pasigis en grandaj suferoj kaj ne rezervis por mi eĉ ian rajton de aŭtoreco — ĉu mi faris tion ĉi pro ia praktika utileco? Se la unuaj Esperantistoj pacience elmetadis sin ne sole al konstanta mokado, sed eĉ al grandaj oferoj kaj ekzemple unu malriĉa instruistino longan tempon suferis malsaton, nur por ke ŝi povu ŝpari iom da mono por la propagando de Esperanto — ĉu ili ĉiuj faris tion ĉi pro ia praktika utileco? Se ofte personoj alforĝitaj al la lito de morto skribadis al mi, ke Esperanto estas la sola konsolo de ilia finiĝanta vivo — ĉu ili pensis tiam pri ia praktika utileco? Ho, ne, ne, ne! ĉiuj memoris nur pri la interna *ideo*, entenata en la Esperantismo; ĉiuj ŝatis Esperanton ne tial, ke ĝi alproksimigas reciproke la *korpojn* de la homoj, eĉ ne tial, ke ĝi alproksimigas la *cerbojn* de la homoj, sed nur tial, ke ĝi alproksimigas iliajn *korojn* . . .“ — *(Parolado en Ĝenevo, 1906.)*

„. . . Ni ne estas tiel naivaj, kiel pensas pri ni kelkaj personoj: ni ne kredas, ke neŭtrala fundamento faros el la homoj anĝelojn; ni scias tre bone, ke la homoj malbonaj, ankaŭ poste restos malbonaj; sed ni kredas, ke komunikiĝado kaj konatiĝado sur neŭtrala fundamento forigos almenaŭ la grandan amason de *tiuj* bestaĵoj kaj krimoj, kiuj estas kaŭzataj ne de malbona volo, sed simple de reciproka sinnekonado kaj de devigata altrudo . . .“ — *(Parolado en Ĝenevo, 1906.)*

„. . . Ni konstante ripetadis, ke ni tute ne deziras nin enmiksi en la *internan* vivon de la gentoj, sed ni deziras nur krei ligantan ponton *inter* la gentoj. La devizo de la ideaj Esperantistoj, neniam ĝis nun precize formulita, sed ĉiam klare sentata estas: *Ni deziras krei neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn.*“ — *(Parolado en Cambridge, 1907.)*

## Pri la intergentaj bataloj

„. . . Kiam mi estis ankoraŭ infano, mi en la urbo Bjelostok rigardadis kun doloro la reciprokan fremdecon, kiu dividas inter si la naturajn filojn de sama lando kaj sama urbo. Kaj mi revis tiam, ke pasos certa nombro da jaroj, kaj ĉio ŝanĝiĝos kaj boniĝos. Kaj pasis efektive certa nombro da jaroj, kaj anstataŭ miaj belaj songoj mi ekvidis teruran efektivaĵon; en la stratoj de mia malfeliĉa urbo de naskiĝo sovaĝaj homoj kun hakiloj kaj feraj stangoj sin ĵetis kiel plej kruelaj bestoj kontraŭ trankvilaj loĝantoj, kies tuta kulpo konsistis nur en tio, ke ili parolis alian lingvon kaj havis alian gentan religion, ol tiuj ĉi sovaĝuloj. Pro tio oni frakasis la kraniojn kaj elpikis la okulojn al viroj kaj virinoj, kadukaj maljunuloj kaj senhelpaj infanoj! . . .[1] Oni scias, ke ne la rusa gento estas kulpa en la besta buĉado en Bjelostok kaj multaj aliaj urboj, ĉar la rusa gento neniam estis kruela kaj sangavida; oni scias, ke ne la Tataroj kaj Armenoj estas kulpaj en la konstanta buĉado en Kaŭkazo, ĉar ambaŭ gentoj estas gentoj trankvilaj, ne deziras altrudi al iu sian regadon, kaj la sola, kion ili deziras, estas nur, ke oni lasu ilin trankvile vivi. Oni scias nun tute klare, ke kulpa estas aro da abomenindaj krimuloj, kiuj per diversaj plej ruzaj kaj plej malnoblaj rimedoj, per amase dissemataj mensogoj kaj kalumnioj arte kreas teruran malamon inter unuj gentoj kaj aliaj. Sed ĉu la plej grandaj mensogoj kaj kalumnioj povus doni tiajn terurajn fruktojn, se la gentoj sin reciproke bone konus, se inter ili ne starus altaj kaj dikaj muroj, kiuj malpermesas al ili libere komunikiĝadi inter si kaj vidi, ke la membroj de aliaj gentoj estas tute tiaj samaj homoj kiel la membroj de nia gento, ke ilia literaturo ne predikas iajn terurajn krimojn, sed havas tiun saman etikon kaj tiujn samajn idealojn kiel nia? Rompu, rompu la murojn inter la popoloj, donu al ili la eblon libere konatiĝi kaj komunikiĝi sur neŭtrala fundamento, kaj nur tiam povos malaperi tiaj bestaĵoj, kiujn ni nun vidas en diversaj lokoj . . .“ — *(Parolado en Ĝenevo, 1906.)*

## Pri patriotismo

„. . . La dua kulpigo, kiun ni ofte devas aŭdi, estas tio, ke ni Esperantistoj estas malbonaj patriotoj. Ĉar tiuj Esperantistoj, kiuj traktas la Esperantismon kiel ideon, predikas reciprokan justecon kaj fratecon inter la popoloj kaj ĉar laŭ la opinio de la gentaj ŝovinistoj patriotismo konsistas en malamo kontraŭ ĉio, kio ne estas nia, tial ni laŭ ilia opinio estas malbonaj patriotoj, kaj ili diras, ke la Esperantistoj ne amas sian patrujon. Kontraŭ tiu ĉi mensoga, malnobla kaj kalumnia kulpigo ni protestas plej energie, ni protestas per ĉiuj fibroj de nia koro! Dum la pseŭdopatriotismo t. e. la genta ŝovinismo, estas parto de tiu komuna malamo, kiu ĉion en la mondo detruas, la vera patriotismo estas parto de tiu granda tutmonda amo, kiu ĉion konstruas, konservas kaj feliĉigas. La Esperantismo, kiu predikas amon, kaj la patriotismo, kiu ankaŭ predikas amon, neniam povas esti malamikaj inter si. Ĉiu povas paroli al ni pri ĉiuspeca amo, kaj ni kun danko lin aŭskultos; sed kiam pri amo al la patrujo parolas al ni la ŝovinistoj, tiuj reprezentantoj de abomeninda malamo, tiuj mallumaj demonoj, kiuj ne sole inter la landoj sed ankaŭ en sia propra patrujo konstante instigas homon kontraŭ homo — tiam ni kun la plej granda indigno nin deturnas. Vi, nigraj semantoj de malpaco, parolu nur pri malamo al ĉio, kio ne estas via, parolu pri egoismo, sed neniam uzu la vorton „amo“, ĉar en via buŝo la sankta vorto „amo“ malpuriĝas.

Vi staras nun antaŭ miaj okuloj, mia kara Litovujo, mia malfeliĉa patrujo, kiun mi neniam povas forgesi, kvankam mi forlasis vin kiel juna knabo. Vi, kiun mi ofte vidas en miaj sonĝoj, vi, kiun nenia alia parto de la tero iam povos anstataŭi en mia koro, vi atestu, kiu vin pli multe, pli kore kaj pli sincere amas: ĉu mi, idea Esperantisto, kiu revis pri frateco inter ĉiuj viaj loĝantoj, kvankam mi devis bedaŭrinde

[1] Aludo al la pogromoj de Bjelostok en la jaro 1906.

forlasi vin, simile al multaj centoj da miloj da aliaj viaj filoj — aŭ ĉu tiuj personoj, kiuj deziras, ke vi apartenu nur al ili, kaj ĉiuj aliaj viaj filoj estu rigardataj kiel fremduloj aŭ sklavoj! Ho, patriotismo, patriotismo, kiam fine la homoj lernos kompreni ĝuste vian sencon! Kiam via sankta nomo ĉesos esti armilo en la manoj de diversaj malhonestuloj! Kiam fine ĉiu homo ricevos la rajton kaj la eblon algluiĝi per sia tuta koro al tiu peco da tero, kiu lin naskis!

Longe daŭros ankoraŭ malluma nokto sur le tero, sed ne eterne ĝi daŭros. Venos iam la tempo, kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj. Anstataŭ konstante batali inter si, elŝiri la patrujon unuj al la aliaj, perforte altrudi al si reciproke siajn lingvon kaj morojn, ili vivos inter si pace kaj frate, en plena interkonsento ili laboros sur la tero, sur kiu ili vivas, kaj kontraŭ tiuj krudaj fortoj de la naturo, kiuj ilin ĉiujn egale atakas. Kaj kune kaj interkonsente ili celados ĉiuj al unu vero, al unu feliĉo. Kaj se iam venos tiu feliĉa tempo, ĝi estos la frukto de konstanta kaj senlaca laborado de tiuj homoj, kiujn ni vidas nun en ĉi tiu ĉambrego kaj kies nomo, ankoraŭ tre malmulte konata kaj tre malmulte ŝatata, estas „Esperantistoj". — *(Parolado ĉe la Londona Guildhall, 1907.)*

## Pri la venonta paco

„. . . Sinjoroj diplomatoj! Post la terura eksterma milito, kiu starigis la homaron pli malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas de vi pacon. Ĝi atendas ne kelktempan interpaciĝon, sed pacon konstantan, kiu sola konvenas al civilizita homa raso. Sed memoru, memoru, memoru, ke la sola rimedo, por atingi tian pacon, estas: forigi unu fojon por ĉiam la *ĉefan kaŭzon* de la militoj, la barbaran restajon el la plej antikva antaŭcivilizacia tempo, *la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj.*" — *(Post la granda milito, alvoko al la diplomatio! 1915).*

## Pri la unua kongreso

„. . . Sankta estas por ni la hodiaŭa tago. Modesta estas nia kunveno; la mondo ekstera ne multe scias pri ĝi, kaj la vortoj, kiuj estas parolataj en nia kunveno, ne flugos telegrafe al ĉiuj urboj kaj urbetoj de l' mondo; ne kunvenis regnestroj nek ministroj, por ŝanĝi la politikan karton de la mondo, ne brilas luksaj vestoj kaj multego da imponantaj ordenoj en nia salono, ne bruas pafilegoj ĉirkaŭ la modesta domo, en kiu ni troviĝas; sed tra la aero de nia salono flugas misteraj sonoj, sonoj tre mallaŭtaj, ne aŭdeblaj por la orelo, sed senteblaj por ĉiu animo sentema: ĝi estas la sonoj de io granda, kio nun naskiĝas. Tra la aero flugas misteraj fantomoj; la okuloj ilin ne vidas, sed la animo ilin sentas: ili estas imagoj de tempo estonta, de tempo tute nova. La fantomoj flugos en la mondon, korpiĝos kaj potenciĝos, kaj niaj filoj kaj nepoj ilon vidos, ilin sentos kaj ĝuos . . ." — *(Parolado ĉe Boulogne-sur-Mer.)*

## Pri la celo de niaj kongresoj

„. . . Ni kunvenis hodiaŭ, por montri al la mondo per faktoj nerefuteblaj tion, kion la mondo ĝis nun ne volis kredi. Ni montros al la mondo, ke reciproka kompreniĝado inter personoj de malsamaj nacioj estas tute bone atingebla, ke por ĉi tio tute ne estas necese, ke unu popolo humiligu aŭ englutu alian, ke la muroj inter la popoloj tute ne estas io necesega kaj eterna, ke reciproka kompreniĝado inter kreitaĵoj de tiu sama speco estas ne ia fantazia revo, sed apero tute natura, kiu pro tre bedaŭrindaj kaj hontindaj cirkonstancoj estis nur tre longe prokrastita, sed kiu pli aŭ malpli frue nepre devis veni kaj kiu fine nun venis, kiu nun elpaŝas ankoraŭ tre malkuraĝe, sed, unu fojon ekirinte, jam ne haltos kaj baldaŭ tiel potencege ekregos en la mondo, ke niaj nepoj eĉ ne volos kredi, ke estis iam alie, ke la homoj, la reĝoj de la mondo, longan tempon ne komprenis unu la alian. Ĉiu, kiu diras, ke neŭtrala arta lingvo estas ne ebla, venu al ni, kaj li konvertiĝos. Ĉiu, kiu diras, ke la parolaj organoj de ĉiuj popoloj estas malsamaj, ke ĉiu elparolas artan lingvon alie kaj la uzantoj de tia lingvo ne povas kompreni unu la alian, venu al ni, kaj se li estas homo honesta kaj ne volas konscie mensogi, li konfesos, ke li eraris . . ." — *(Parolado en Boulogne-sur-Mer.)*

„. . . Ĉar ni decidis kunvenadi ĉiujare el ĉiuj landoj de la mondo kaj multaj el ni faras eĉ tre gravajn oferojn, por povi partopreni en niaj kongresoj, tial ni devas klarigi al ni, por *kio* ni kunvenas. Se ni konscios bone la esencon kaj celon de niaj kongresoj, tiam ni venados al ili kun ĉiam freŝa kaj neniam malfortiĝanta entuziasmo, kiel homoj, kiuj klare vidas antaŭ si la belan celon, al kiu ili iras, sed se ni ne konscios la celon de niaj kongresoj, tiam ni baldaŭ tute malvarmiĝos por ili, kiel homoj, kiuj vagas sencele kaj kiujn tiu vagado baldaŭ lacigas kaj enuigas. Por kio do ni kunvenas? Ĉu ni kunvenas por paroli pri Esperantaj lingvaj demandoj? Ne! tiuj ĉi demandoj apartenas ne al la kongreso, sed ekskluzive al la Lingva Komitato, kaj por ili sufiĉus kongreso de komitatanoj. Ĉu ni kunvenas por ekzerciĝi en Esperanta parolado? Por tio sola ni ne bezonas veturi al kongreso, ĉar en niaj hejmaj grupoj ni povas en la daŭro de la tuta jaro multe pli ekzerciĝi, ol en la kelkaj tagoj de la kongreso, kaj por la sola kelktaga ekzerciĝo en parolado neniu entreprenus grandajn vojaĝojn. Ĉu ni kunvenas por fari manifestacion kaj sekve propagandon? Jes, certe! Sed ĉar el cent kongresanoj almenaŭ naŭdek naŭ havas de Esperanto nur *moralan* profiton, por kio do ni ĝin propagandas? Mi ne dubas, ke la plimulto el vi donos nur unu respondon: ni faras manifestacion kaj propagandon por la Esperantismo ne pro ia utilo, kiun ĉiu el ni persone povas havi de ĝi, sed pro tiu gravega signifo, kiun la Esperantismo havas por la tuta *homaro,* pro tiu komunehoma celo, kiu nin aktivajn Esperantistojn altiris al Esperanto; ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo, por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manon, por varmigi en ni per reciproka renkontiĝo kaj kunvivo la amon kaj entuziasmon por la ideo, kiun la Esperantismo en si enhavas. Kiel antikvaj hebreoj tri fojojn ĉiujare kunvenadis en Jeruzalemo, por vigligadi en si la amon al la ideo monoteisma, tiel ni ĉiujare kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo, por vigligi en ni la amon al la ideo Esperantisma. *Kaj tio ĉi estas la ĉefa esenco kaj ĉefa celo de niaj kongresoj.* — *(Parolado en Cambridge, 1907.)*

## Pri la aŭtoro de Volapük

„. . . La lingva formo, por kiu laboris tiu respektata maljunulo (J. M. Schleyer), montriĝis ne praktika; la vojo, kiun li elektis, montriĝis ne bona, kaj la afero, por kiu li batalis, baldaŭ falis, kaj per sia falo ĝi alportis grandan malutilon al nia ideo entute kaj precipe al tiu speciala formo de la ideo, por kiu ni batalas. Sed ni devas esti justaj, ni devas taksi ĉiun homon ne laŭ lia venko aŭ malvenko, sed laŭ liaj *laboroj*, kaj la laboroj kaj meritoj de sinjoro Schleyer estis *tre grandaj*. Kun granda fervoro li laboris por la ideo de lingvo internacia en la daŭro de multaj jaroj; dum multaj personoj donadis nur nudajn *projektojn*, li estis la unua, kiu havis sufiĉe da pacienco, por ellabori plenan lingvon de la komenco ĝis la fino (kvankam Esperanto tiam estis jam preta, ĝi ne estis ankoraŭ publikigita), kaj ĝi ne estas lia kulpo, se la lingvo montriĝis ne praktika. Li estis la unua, kiu per senlaca laborado vekis la intereson de la mondo por la ideo de lingvo neŭtrala, kaj ĝi ne estas lia kulpo, se lia falinta afero por longa tempo malvarmigis la mondon por *ĉia* arta lingvo. Li volis fari grandan bonon, kaj por la atingo de tiu bono li laboris tre multe kaj fervore, kaj ni devas lin taksi ne laŭ lia sukceso, sed laŭ lia volo kaj laboro. Se la ideo de lingvo internacia iam venkos la mondon — tute egale, ĉu ĝi estos sub la formo de Esperanto aŭ de ia alia lingvo — la nomo de Schleyer okupos ĉiam la plej honoran lokon en la historio de nia ideo, kaj tiun ĉi nomon la mondo neniam forgesos . . .“ — *Parolado en Boulogne-sur-Mer, 1905.)*

## Pri nia lingvo

„. . . De la tempo, kiam la Esperantistoj ĉesis paroli pri reformoj, komenciĝis por Esperanto periodo ĉiam pli kaj pli brilanta. En la komenco, sub la premo de tre grandaj malhelpoj eksteraj ni progresadis tre malrapide kaj malfacile. Sed sub la influo de nia plena interna harmonio kaj nia nedekliniĝa irado rekte antaŭen, niaj fortoj ĉiam pli kaj pli kreskis. Nun ni atingis tian potencon, pri kiu multaj el ni antaŭ dek jaroj ne kuraĝis eĉ revi, kaj se ni marŝos en tia sama harmonio kiel ĝis nun, nenia forto en la mondo povos haltigi nian iradon, kaj ni plene atingos la celon; ĉiuhore kreskas la nombro de niaj partianoj; ĉiuhore pligrandiĝas la nombro de niaj partianoj, ĉiutage pligrandiĝas la nombro de niaj grupoj. Nia literaturo kreskas tiel senhalte kaj rapide, ke multaj malgrandaj nacioj jam nun povas nin envii. La praktika uzado de nia lingvo fariĝas ĉiam pli kaj pli granda. Dum ankoraŭ antaŭ nelonge oni tute silentis pri ni kaj poste oni nin mokis, nun oni jam ĉie nin respektas, kiel grandan potencon. Eĉ tiuj niaj principaj kontraŭuloj, kiuj antaŭ ne longe malŝate rigardis nin de alte, nun jam krias alarmon . . .“ — *(Parolado en Dresdeno, 1908.)*

Antaŭ dudek-kvin jaroj mi timeme demandis min, ĉu post dudek-kvin jaroj iu en la mondo scios ankoraŭ, ke ekzistis iam Esperanto, kaj — se Esperanto vivos — ĉu oni tiam povos ankoraŭ kompreni ion, kio estis skribita en Esperanto en ĝia unua jaro, kaj ĉu angla Esperantisto povas kompreni Esperantiston hispanan. Nun pri ĉi tio la historio donis jam plenan kaj perfekte trankviligan respondon. Ĉiu el vi scias, ke verko, skribita en bona Esperanto antaŭ dudek-kvin jaroj, en plena mezuro konservas sian bonecon ankaŭ nun, kaj la legantoj eĉ ne povas diri, ke ĝi estas skribita en la unua jaro de ekzistado de nia lingvo; ĉiu el vi scias, ke inter la stilo de bona angla Esperantisto kaj la stilo de bona hispana Esperantisto en la nuna tempo ekzistas absolute nenia diferenco. Nia lingvo konstante progresas kaj riĉiĝas, kaj tamen dank' al la reguleco de sia progresado, ĝi neniam ŝanĝiĝas, neniam perdas la kontinuecon kun la lingvo de tempo pli frua. Kiel la lingvo de homo matura estas multe pli riĉa kaj pli elasta, ol la lingvo de infano kaj tamen la lingvo de ĝuste parolanta infano neniom diferencas de la lingvo de homo matura, tiel verko, skribita en Esperanto antaŭ dudek-kvin jaroj ne estas tiel vortoriĉa, kiel verko skribita en la nuna tempo, kaj tamen la lingvo de tiu tempo perdis absolute nenion el sia valoro ankaŭ en la nuna tempo. Lingvo, kiu eltenis la provon dum dudek-kvin jaroj, kiu en plej bona kaj ĉiam pli floranta stato travivis jam tutan homan generacion kaj estas jam pli maljuna, ol multaj el ĝiaj uzantoj, kiu kreis jam grandan, potence kreskantan literaturon, kiu havas sian historion kaj siajn tradiciojn, sian tute precizan spiriton kaj siajn tute klarajn idealojn — tia lingvo ne bezonas jam timi, ke io pereige depuŝas ĝin de tiu natura kaj rekta vojo, laŭ kiu ĝi evoluas. La vivo kaj la tempo garantiis al nia lingvo naturan forton, kiun neniu el ni povas senpune malrespekti. — *(Parolado en Krakvo, 1912.)*

## Pri neceseco de konkordo

„. . . Antaŭ ol mi formetas de mi ĉian oficialan rolon en nia afero, mi ankoraŭ la lastan fojon admonas vin: laboru ĉiam en plena unueco, en ordo kaj konkordo. Ĉiujn dubajn demandojn, kiuj koncernas la tutan Esperantan aferon, kaj kiuj ne tuŝas la personan liberecon de ĉiu aparta esperantisto, solvu ĉiam pace, per regula interkonsiliĝo de viaj egalrajte elektitaj delegitoj kaj per disciplina cedo de la malplimulto al la plimulto. Neniam permesu, ke en nia afero regu la principo „kiu pli laŭte krias, tiu estas prava“. Per unueco ni pli aŭ malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide, ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune. Ne forgesu, ke Esperanto estas ne sole simpla lingvo, kiun ĉiu el ni uzas nur por siaj propraj bezonoj, sed ke ĝi estas grava socia problemo, ke, por atingi nian celon, ni devas konstante propagandi nian aferon kaj zorgi pri tio, ke la mondo havu estimon kaj konfidon por ĝi. Se en nia afero aperas io, kio ŝajnas al ni malbona, ni povas trankvile ĝin forigi per komune interkonsentita decido; sed ni neniam semu en nia tendaro reciprokan malamon kaj malpacon, kiu nur ĝojigas kaj triumfigas niajn malamikojn. En la unuaj jaroj de nia laborado sur nia standardo estis skribitaj la vortoj „espero, obstino kaj pacienco“; tio tute sufiĉis, ĉar ke ni, samideanoj, devas reciproke nin estimi kaj helpi, tio por ĉiu estis komprenebla per si mem. En la lastaj jaroj ni bedaŭrinde ofte forgesis tiun devon; tial nun, transirante en la duan gravan periodon de nia historio, en la duan kvaronjarcenton, ni skribu sur nia standardo novan vorton, kaj ĉi tiun vorton ni ĉiam respektu kiel sanktan ordonon; tiu vorto estas ‚konkordo‘.“ — *(Parolado en Krakovo, 1912.)*

 ESPERANTISMO 

## La entombigo de D-ro Zamenhof

Detalojn pri la morto de nia Majstro ni ne ankoraŭ ricevis, sed per pola gazeto „*Glos*" (17 aprilo 1917) ni povas doni informojn pri la funebra ceremonio. Jen traduko de la koncerna artikolo:

„La Varsoviaj Esperantistoj amase kunvenis hieraŭ por ĉeesti la funebran ceremonion kaj akompani al lia lasta hejmo D-ron Lazaro Ludoviko Zamenhof, kreinton de Esperanto, lingvo, kiu jam de multaj jaroj estas konata en la tuta mondo.

„En la parto de la Reĝa strato kondukanta al N-ro 41, kie loĝis la mortinto, staris liaj amikoj kaj adeptoj. Je la 3a horo, la procesio formiĝis kaj trapasis la Reĝan straton, la placon de Saksujo, la placon de l' Teatro, la stratojn Vierzbowa, Bielanska, Valewki, Nowolipie, Dzika kaj Gesia por alveni je la hebrea tombejo, strato Okopowa.

„Ĉe la kapo de la procesio troviĝis la Varsoviaj Esperantistaj delegitoj, kiuj portis kronojn poste deponitajn sur la tombon.

„Pasante tra la strato Dzika la procesio haltis antaŭ la domo N-ro 9a, ĉe kiu D-ro Zamenhof loĝis multajn jarojn, sindoneme kuracante la malriĉajn hebreojn. Ankaŭ en tiu ĉi domo li kreis Esperanton.

„Ĉe la mortintejo, la rabeno D-ro Poznanski faris varman paroladon apud la tombo. Li elokvente salutis la mortinton, kiu senhalte kaj nelacigeble laboradis. Dank' al la talento ricevita el Dio, li kreis Esperanton, tiamaniere helpante al la starigo de pli bona homaro.

„Unu el liaj proksimaj kunlaborantoj, publicisto Leo Belmont, faris longan paroladon je la honoro de D-ro Zamenhof. ‚En tiun ĉi tombon, li diris, oni deponas la mortintajn restaĵojn de la granda homo, sed vivanta estas lia animo, kun ni ĝi ĉiam restos, ĉar senmorta estas lia verko. Inter la multaj kvalitoj de la mortinto, la plej granda estis la modesteco tiel en la privata vivo kiel dum la naŭ internaciaj kongresoj, ĉe kiuj oni aranĝis por li kvazaŭ reĝan akcepton. Ĉie kaj ĉiam li restadis trankvila kaj modesta laboranto, kaj kvankam tra la tuta mondo li estis konata, li ŝajnis ignori sian gloron. Lia verko, ŝatita de multaj lingvaj eminentuloj, ne estas ankoraŭ sufiĉe komprenata en Polujo, sed proksimiĝas la momento, kiam Varsovio kaj la mondo komprenos la valoron kaj gravecon de la verko de D-ro Zamenhof por la homaro. Tio estos, kiam ĉe la proksima kongreso Varsovio vidos, ke el ĉiuj terangulo alkuras la Esperantistoj por deponi sur la tombon de D-ro Zamenhof kortuŝajn kaj dankajn rememoraĵojn.'

„D-ro Grabowski, prezidanto de la pola Esp. societo, kaj D-ro Neubarth, reprezentanto de la germanaj Esperantistoj, ankoraŭ paroladis. Poste, la ĥoro de la sinagogo kantis funebrajn kantojn." — (El „*Glos*", 17 aprilo 1917.)

---

*Al niaj legantoj!* La C. O. de UEA danke ricevos, por speciala kolekto, ĉiujn nekrologiajn artikolojn aperintajn en la nacilingva gazetaro.

---

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Oderberg:* S-ro Steinhauer faris paroladon antaŭ multnombra aŭskultantaro. Estis permesite al la oficiroj kaj soldatoj viziti kurson, por kiu multaj oficiroj sin anoncis. La kurson gvidos S-roj Th. Engel kaj Salo Kornfeld; 110 partoprenontoj aliĝis. — *Pilsen (Plzen):* S-ro Schwarz gvidas du kursojn, unu kun 30 bohemaj gejunuloj, la alia kun 16 germanoj. — *Praha:* Ĉe la virina grupo, la instruantino faris paroladon je la honoro de la 325a datreveno de J. A. Comenius. Poste deklamis F-ino L. Dandová. La vesperoj de la grupo estas ĉiam pli interesaj En la gazeto „Rozkvět" aperas Esp. rubriko de F-ino Šupichova; la gazeto de la bohemaj instruistinoj enhavis artikolon de F-ino Šupichova.

## Britujo.

Sekve de la deziro de la registaro, ke oni ne uzu la fervojojn pli ol estos necese, la Konsilantaro de la B. E. A. decidis ne fari la Dekan Britan Kongreson en Blackpool dum la venonta Pentekosto. — *Cork:* La unua kurso en tiu ĉi urbo estas aranĝita. — *Grange-over-Sands:* Ĉe la literatura kaj scienca societo, okazis pri universala lingvo diskuto, kiu finiĝis favore al Esp. — *King's Lynn:* Okazis sukcesa propaganda kunveno. — *Londono:* Ĉe la ĉiujara kunveno de la Londona Esp. Klubo prezidita de S-ro J. Bredall (pro malsano S-ro F. Moscheles, prez., ne povis ĉeesti), la sekvanta decido estis unuanime akceptita: „La Londona Esp. Klubo kun granda plezuro ricevis la bonan novaĵon pri la liberiĝo de la rusa popolo, kaj kore gratulas la rusan Esperantistaron, ĉar de nun Esperanto povos esti libere propagandata tra la lando." — *Preston:* Propaganda kunveno estas aranĝita. S-ro A. Harris paroladis pri la movado kaj S-ro F. W. Jackson donis modelan lecionon.

## Danujo.

La IXa jarkunveno de Centra Dana Esp. Ligo okazos en *Kolding* la 27 ĝis 28 majo. Oni ankaŭ speciale invitas norvegajn kaj svedajn samideanojn al partopreno.

## Germanujo.

*Berlin:* La gazeto „Berliner Tageblatt" publikigis refuton de D-ro Kliemke responde al atako de Prof. Mauthner rilate al la bonega libro „Kultur und Sprache" de H. Nienkamp. La sama artikolo de Mauthner estis temo de tre interesa parolado, kiun D-ro Kliemke faris ĉe la Berliner Esp. Gruparo antaŭ multaj ĉeestantoj. — *Dresden:* La marta kunveno de UEA estis vizitata de pli ol kvindek anoj kaj gastoj. S-ro Nicolai, Del., raportis pri la stato de UEA. Poste, norvega samideano, S-ro Bruno Riefling, interesige paroladis pri „lingvaj malfacilaĵoj por anoj de malgrandaj nacioj". Ĉe la sekvanta kunveno S-ro H. Kubenz rakontos siajn travivaĵojn en Montenegro. — *Essen:* La grupo aranĝis familian vesperon, ĉe kiu ĉeestis ankaŭ samideanoj el Bochum kaj Mühlheim. — *Potsdam:* S-ro Markan faris propagandan paroladon en la „Freideutsche Gemeinschaft", S-ro Riefling, el Norvegujo, ĉeestis kaj per paroladeto en Esp. montris la praktikan valoron de nia lingvo.

## Nederlando.

*Harderwijk:* S-ro A. Smut, instruisto el Haarlem, faris belan paroladon ĉe la internigitoj; ĉeestis almenaŭ 150 personoj, kiuj post la parolado estis grupe fotografitaj.

## Polujo.

*Varsovio:* S-ro Oberrotman malfermis kurson kun 25 personoj, okazantan en la ejo de la Komerca Societo.

## Rusujo.

*Barnaul:* Dua trimonata kurso estas malfermita sub gvidado de instruistino N. N. Kungurava. Enskribiĝis 40 personoj. — *Ekaterinoslav:* F-ino Sjedakova kiel ruĝkruca flegistino vigle propagandas inter militistoj kaj gvidas kursojn inter vunditaj oficiroj. — *Irkutsk:* Dum 1916 la Esp. rondeto laboris kun bona sukceso. — *Moskvo:* La ĵurnalo „Medicina Revuo" presigas en Esp. resumojn pri origi-

nalaj artikoloj, aperantaj en la jurnalo. La fakon gvidas D-roj Kabanov kaj Ŝidlovskij. Inter moskvaj blindulоj fondiĝis Esp. rondeto. *Petrogrado:* En psiko-neŭrologia Instituto vigle laboras Esp. rondeto, prezidata de F-ino Goldberg; ĝi havas 57 membrojn kaj sufiĉe riĉan bibliotekon. S-ro Gindin kaj F-ino Goldberg gvidas kursojn. — *Rjev:* Esp. rondeto fondiĝis en la gimnazio, dank' al la agado de S-ro Nik. Fokin. — *Rostov n. D.:* La rondeto enhavas pli ol 30 membrojn, por kiuj estas gvidataj du kursoj de S-roj C. Pruski kaj Vigodskij. — *Tiflis:* Post permeso de l' inspektoro de popolaj lernejoj, ĉe la librotenistaj kursoj de J. F. Palatnikov estas malfermitaj Esp. kursoj, kiujn partoprenas 70 gelernantoj sub la gvidado de S-ro H. Ter-Astvacatrjan. La kursoj ĉe la Medicina Societo estas gvidataj de S-ro A. Fiŝer; 40 gelernantoj. — *Ufa:* Novaj kursoj okazas, en kiuj partoprenas precipe popolinstruistoj.

## Svedujo.

*Gävle:* Okaze de sia dekjara ekzisto, la grupo aranĝis sukcesan vesperfeston. S-ro Leander Tell, el Norrköping, per lumbildoj rakontis pri sia peresperanta vojaĝo tra Germanujo, Aŭstrio-Hungario. Sekvis vivplena vespermanĝo. En la daŭro de dek jaroj, la grupo aranĝis dudekon da kursoj kun ĉ. 400 partoprenantoj; en 1913 ĝi organizis la sukcesan svedan Esp.-Tagon, kiu vekis viglan intereson. — *Göteborg:* La komerca revuo „Kontoristen" publikigas ĉiumonate unu paĝon kaj duonan pri nia movado. La redaktanto de tiu rubriko estas S-ro Carl Ohlsson. — *Halmstad:* Kurso okazas kun ĉirkaŭ 15 partoprenantoj. — *Sandviken:* Esp. klubo tie fondiĝis. S-ro J. Helsing, el Gävle, gvidas kurson kun 39 partoprenantoj. — *Skara:* La societo de la pacamikoj aranĝis multe vizititan vesperfeston speciale dediĉitan al Esp. S-ro urbestro Nilsson kaj S-ro C. Ohlsson faris paroladojn pri la rilatoj de Esp. kun la paca movado. Fine, la 267 kunvenintaj personoj akceptis rezolucion, per kiu oni petas ĉiun membron de la Nobel-Instituto, ke rekompenco kaj apogo estu donataj al la kreinto de nia lingvo. — *Stockholm:* La sekretario de „Verda Stelo" en Stockholm, S-ro T. Rosengren, daŭrigas kun granda sukceso sian paroladan vojaĝon. Reveninte al Stockholm, li paroladis lastatempe en la Domo de la popolo (dufoje), en asocio de la Bontemplanoj kaj en la Societo de la Teatro-Amikoj. La paroladoj estis ilustrataj per ĉarmaj lumbildoj, kaj la temo estis: Svisujo kaj la Berna Kongreso. Ĉiuloke viva intereso por Esperanto montriĝas. S-ro redaktoro Nylen faris tre interesan paroladon en la laborista instituto. S-ro John Johansson gvidas novan kurson. La kontraŭmilita gazeto „Antikriegsorder" daŭrigas dediĉi unu paĝon al Esperanto.

## Argentino.

La 20 decembro 1916 fondiĝis el Buenos-Aires la Argentina Esperanto-Asocio, kies komitato konsistas el S-roj M. Bovér, prez.; L. Kelety, vicprez.; R. Estilles kaj H. Meroni, sekr.; V. Albamonte, kas. La gazeto „Argentina Esperantisto", aperanta de januaro 1917, estas la oficiala organo de la nova Asocio.

## Japanujo.

*Osaka:* Laŭ informoj donataj de „Japana Esperantisto", Esp. sukcese disvastiĝas en tiu granda industria urbo. En 1916 fondiĝis la Osaka Esp. Societo. Trifoje en la monato okazas kunvenoj. La Osaka Komerca Instituto decidis iniciati la fondiĝon de Eksportista Asocio Esp. kiel unu el siaj entreprenoj. Ĉi-tieaj ĵurnaloj ofte raportas pri la societo; tri monataj revuoj publikigas Esp. rubrikojn.

## Persujo.

*Kazvin:* Dank' al la propagando de lernanto el la kursoj en Teheran, Esp. ekdisvastiĝas tie. — *Teheran:* S-ro Ahmed Jazdani, Vicdel. de UEA, gvidas du kursojn.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj la Amerika Instituto de Internacia Juro.** — De la 22 ĝis la 29 januaro kunvenis en Habano la 2a Kongreso de la „Amerika Instituto de Internacia Juro". Tiu grava institucio havas sian sidejon ĉe Washington kaj kiel filiojn naciajn societojn de internacia juro en la 21 amerikaj respublikoj. Grava kaj tre interesa estis la programo de la Kongreso kaj ĝiaj konkludoj, submetotaj al posta trastudo kaj aprobo de la naciaj societoj; estas vera kodo de nova internacia juro.

La januara eldono de la gazeto *„Latinamerika Esperantisto"* estis dediĉita al tiu Kongreso — kaj pro tio ĝi aperis nur en hispana lingvo — enhavante ampleksan artikolon titolitan „La lingva problemo en la Internacia Juro", verkitan de D-ro Antonio Alemán Ruiz. En ĝi oni certigas, ke ekzistas grava lingva problemo en la diplomatia vivo, kaj ke estas necese ĝin solvi tuj; oni faras detalan historian ekzamenon de la afero kaj montras, ke tri lingvoj, unu post la alia, ludis la rolon de lingvo internacia: la latina, la hispana kaj la franca: tiu ĉi lasta ludas ankoraŭ tiun rolon; post prezentado de argumentoj por montri, ke la nuna maniero solvi la problemon estas netaŭga, oni alvenas al la konkludo, ke estas necese oficiale akcepti neŭtralan lingvon internacian, kaj oni prezentas la tri proponitajn solvojn, rilatantajn al la akceptado de mortinta natura lingvo, de vivanta natura lingvo kaj de artefarita lingvo; sekvas diskutado por konkludi, ke nur artefarita lingvo povos taŭge ludi tiun rolon; poste oni pritraktas la profitojn, eltirotajn en la diversaj fakoj de la internacia oficiala vivo per la uzado de tiu lingvo, kiu devos esti, komprenehle, Esperanto.

La gazeto estis disdonata al la kongresaj delegitoj, kun la peto, ke ili donu siajn opiniojn; multaj el ili promesis tion fari post legado de la verkaĵo, kaj estonta numero de „Latinamerika Esperantisto" publikigos la opiniojn.

∴ **Esperanto kaj sciencistoj.** — De la famekonata nederlanda sanskrita Profesoro *D-ro H. Kern,* unu el niaj nederlandaj samideanoj, S-ro Anth. C. Bakels, ricevis la jenan respondon al demando rilata al lia opinio pri Esperanto:

„. . . Mi mem ne estas Esperantisto, sed ankaŭ tute ne antagonisto. Artefarita interkonsenta lingvo, por kiu la aŭtoro tiel saĝe prenis belsonan romanan lingvon kiel bazon, povas servi tre utile al la mondaj interrilatoj, kaj tiel jam funkciis, kiel mi bone scias. Ĉu la lingvo estas uzota de ĉiuj popoloj sammaniere, nur povos vidigi la estonto. Ĉiuokaze mi esperas por la Esperantistoj, ke ilian penadon rekompencos sukceso . . ."

Tio estas vere grava por nia afero, ĉar Prof. Kern estas tre aŭtoritata en la mondo de la lingvosciencistoj. Ni povas meti lian nomon inter tiuj de aliaj al nia afero favoraj lingvistoj kiel Wiedermann, Müller, Gilbert, Marray, k. t. p.

— Aliparte, ni ekscias, ke ĉe la universitato en Helsingfors (Finnlando), la konata lingvisto *D-ro Ramstedt* faras serion da kursoj pri la temo: Enkonduko en la lingvosciencon kun konsideroj pri Esperanto. Dum la kursoj, kiujn vizitas multe da interesuloj en la sciencistaro en Helsingfors, D-ro Ramstedt intencas per komparoj inter eŭropaj kaj aziaj lingvoj montri la riĉegecon je esprimoj kaj vortoj, kiun havas nia lingvo.

# TRA LA GAZETARO

∴ *„Latin-Amerika Esperantisto."* En la raporto „Esperanto dum la milito" sendata al la membroj de UEA, aperis (paĝ. 30) la informo, ke la eldonado de tiu gazeto ŝajne ne povis esti daŭrigata. Ni efektive estis ricevintaj nur la 1an N-ron marto 1916. Ni nun

posedas N-ron 2an de la dua jaro (februaro 1917), el kies enhavo ŝajnas rezulti, ke aperi[illegible]vico de kajeroj, kiujn ni ne ricevis. Tiu revuo lukse presita enhavas belajn ilustrajojn pri latin-amerikaj pejzaĝoj. Ni deziras al ĝi bonan sukceson. (Adreso: Apartado 1324, Empedrado 79, Kubo.)

.˙. „*Skandinava Esperantisto*", nova ok-paĝa gazeto, eldonata de Skandinavaj Esperantistoj loĝantaj en *Usono*. Redaktoro estas S-ro Karl Fröding, 417, 7th Str., Rockford. Abono: 50 cendoj.

.˙. Lastatempe estis ricevitaj la jenaj gazetoj: „*British Esperantist*", „*Esperanto-Monthly*", „*Germana Esperantisto*", „*Internacia Bulteno*" (Germanujo), „*France-Esperanto,*" „*Le Monde Esperantiste*", „*Ondo de Esperanto*", „*La Espero*" (Svedujo), „*Svisa Espero*", „*Holanda Pioniro*", „*Nederlanda Katoliko*", „*Esperanto-Raporto*" (Danujo), „*Japana Esperantisto*".

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj membroj.** — Ĉiuj membroj pagintaj la kotizajon por 1917 ricevas, krom sia membrokarta banderolo, 32-paĝan raporton pri *Esperanto dum la milito.*

Por membroj loĝantaj en Germanujo, Aŭstrio-Hungario kaj Bulgarujo, la sendo de tiuj dokumentoj plenumiĝas pere de nia reprezentanto en Berlino. Estas memkompreneble, ke tia procedo, necesa pro la cenzurkondiĉoj, okazigas kelktagan prokraston en la ricevo de la dokumentoj.

Por membroj loĝantaj en la neŭtralaj landoj, en Britujo, Rusujo kaj Usono, ni ekspedas la raporton senpere, sed ni rimarkas, ke tre multaj sendaĵoj, precipe inter la transmaraj, perdiĝas. Oni bonvolu skribi en okazo de nericevo.

Por Francujo la dokumentoj estos sendataj komence de majo, pere de Parizo. Ni ankaŭ rimarkas, ke sendaĵoj al Hispanujo, Portugalujo kaj Sud-Ameriko ofte ne atingas la adresaton. La plendojn ni ĉiam kontrolas kaj prizorgas, sed ni kompreneble estas senpotencaj kontraŭ malbona poŝta funkciado aŭ eraroj de la cenzuro. Oni bonvolu indulgi nin! Neniam nia administrado estis pli komplika kaj pli malagrabla ol nuntempe, pro la malfacilaj internaciaj komunikoj.

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 625 |
| 6. Fernando D'Oliveira Marques, Para (Brazil) . . . . . | 125 |
| Frankoj | 750 |

Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

La Financa Fakestro: *Ed. Stettler.*

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 31 marto estis enkasigitaj 1468 kotizaĵoj (el kiuj 70 subtenantoj). Krom tio estas 156 dumvivaj membroj. Sume: 1624. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 45.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato marto:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 848 | 752 |

*Tuta sumo:* 1600. (Antaŭa monato: 1824.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Tria listo:*

50. S-ino K. Krasting (Riga). — 51. T. Kaciĉak (Kazan). — 52. R. Vonago (Vladivostok). — 53. N. Golikov (Vitebsk). — 54. K. Djalajan (Groznij). — 55. A. Andreev (Tiflis). — 56. G. Davidov (Saratov). — 57. D. Domanoviĉ (Moskvo). — 58. A. Skalskij (Moskvo). — 59. E. William (Moskvo). — 60. S. Friedriĥsen (Moskvo). 61. R. Pavlov (Ĥarbin). — 62. I. Rukavicin (Irkutsk). — 63. N. Hrebtovskij (Irkutsk). — 64. I. Kamolikov (Moskvo). — 65. Iljaŝeviĉ (Moskvo). — 66. J. Lundgren (Hedemora). — 67. S-ino A. Tuschinski (Danzig). — 68. E. Andrews (Cocherstone). — 69. F. Zent (Anacortes). — 70. W. Carpenter (Escondido).

### Novaj Delegitoj.

*Arona* (Italujo, Lago Maggiore). — D.: S-ro Francesco Perucchetti, komercoficisto.

*Göteborg* (Svedujo). — VD.: S-ro Holger Landgren, Klockaregärden B/II, 8.

*Invercargill* (Nov-Zelando). — D.: F-ino Winifred M. Berry, c./o. Herbert Haynes, Tay Street.

*Pisa* (Italujo, Toskano). — D.: S-ro Angelo de Masi, studento, 9, Borgo Lago.

*Siracusa* (Italujo, Sicilio). — D.: S-ro Rodolfo Castagnino, 24, via Malta.

*Teheran* (Persujo). — D.: S-ro Princo Bahmen Ŝidani, str. Gavam-Daftar. — VD.: S-ro Ahmed Yazdani, Ghanat Abad-Taĥt-Pol 7.

### Ŝanĝoj.

*Breslau* (Germanujo). — Anst. D.: S-ro Adolf Selten, komercisto, Wallstr. 15.

*Danzig* (Germanujo). — D.: F-ino Martha Schultz, Kaninchenberg 14/2.

*Varsovio* (Polujo). — D.: S-ro Adolf Oberrotmann, komercisto, Dzielna 43.

### Rimarkoj.

*Göteborg* (Svedujo). — Pro vojaĝo de la Del. oni sin turnu al la VD. Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj: *Flensburg* (Germanujo); *Pskov* (Rusujo); *Ŝĉelkovo* (Rusujo); *Santa Rosa* (Usono).

### Adresŝanĝoj.

*Fiume* (Hungario). — D.: S-ro T. de Kovacs, via Munkacey 1/II, 15.

# Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Al ges-roj *Lochhead-Christen*, el Baden (Svisujo) naskiĝis filino.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *R. Rupĉiĉ*, Vicdel. en Dubrovnik, kun F-ino *Aranza.*

S-ro *Edmund Nicolai*, Del., Dresden, kun F-ino *Margarete Voigt*, el Hirschberg.

**Edziĝo.** — S-ro *Santiago Gomis*, Del. en Rosario (Argentino) kun F-ino *Carmen Cels.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. Pl = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro O. Sariĉev, Gorodskaja bolnica, Pl, L.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro G. Artemjev, Arminaskij most svoj dom., PM (petas sendi ne malpli ol 30, sendos bonajn rusajn markojn).

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro A. Kozlov, Kontora Lianozova, Pl, L, PM.

AUFFAY (Francujo, Seine Inférieure). — S-ro Lucien Gosse, chez M. Bregeault, coiffeur, Pl, PM.

AUSTIN (Usono, Minn.). — S-ro C. H. Gibbons, 407, Winona street, Pl, L.

BOMHUS (Svedujo). — S-ro Gustav Jönsson, Od-filial 2, Pl (kun ĉiuj landoj, prefere kun samideanoj el la laborista klaso).

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro C. Lindahl, Olovsgatan 240, Pl, PM (kun ĉiuj landoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Modesto Pernas, 1370, Av. Gonzalo Ramirez, Pl, L.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro José Alvarez Garcia, 1020, Av. 18 de Julio, nur Pl, bfl.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Juan V. Bouzas, tipografiisto, 1583, str. Cebollati, L, Pl, bfl (kun ĉiulandaj sammetianoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — „Esperanta Grupo Montevideo", 1258, str. San José (akceptos por sia ekspozicio PK de eksterlandaj samideanoj; interŝanĝe ĝi sendos nur unufoje Pl de Montevideo).

OREL (Rusujo). — S-ro Boris Popov, Bolŝkaja Meŝĉanskaja, dom. Larionova, L P (pri ŝakludo).

ROUEN (Francujo). — S-ro Roger Lebon, studento, 115, rue Beauvoisine, Pl.

SAINT-NICOLAS DU BOSC, PAR GROS-THEIL (Francujo, Eure). — S-ro Raymond Longuet, studento, Pl.

SAINT-SAËNS (Francujo, Seine-Inférieure). — S-ro René Gosse, studento, rue du Grand Bourg, Pl, PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el militantaj landoj.

CENTRA ESPERANTA LIBREJO de S-ro *J. L. Bruijn*, Paul Krugerlaan 37, 's-Gravenhage (Nederlando). Katalogo senpage ricevebla.

EKSPOZICIO. — Ĉiuj Esperantistaj presistoj, eldonistoj kaj librovendistoj bonvolu sendi katalogojn, Esp. presaĵojn aŭ ian ajn Esperantaĵon al la ekspozicio organizata de Esperanta Grupo Montevideo, 1258, str. San José, Montevideo (Urugvajo).

INFORMO. — S-ro Leo Levitin, ĝis 1915 gimnaziano en Orel, 6, Nikitskaja kaj poste studento ĉe la politeĥnika universitato en Petrograd estas informata, ke liaj parencoj fartas bone laŭ la cirkonstancoj. Ili loĝas en la ĝisnuna domo en Turly kaj tre deziras, ricevi novaĵojn de li kaj de la aliaj infanoj loĝantaj en Kiev, 46, Kreŝatik. Utilajn sciigojn oni adresu al C. O. de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

MILITPATRINO. — S-ro Brouchon Lambert, belga internigito, Caporal, 7e ligne, Bloc 44, Harderwijk (Nederlando), serĉas militpatrinon (marraine).

MIGRANTAJ KARTOJ, 6 por 50 Cts. (0.20 Sm.), 25 por 1.25 Fr. (0.50 Sm.) ĉe E. H. Becker, 332, Third Ave., Daytow, Kentucky, Usono.

MUZIKO ANGLE KAJ ESPERANTE.

| | |
|---|---|
| Vespero kaj Mateno | Tro karaj por esti Perditaj, |
| Fratinoj Disigitaj | Malarmiĝu Nacioj |
| Savigu la Knabojn | Neniaj Floroj por mia Tombo. |
| Paco inter Nacioj, | Savu Usonon de Rumo |
| La Hejm-Loko. | Unuigita Eŭropo, |
| La Ŝipo Kristnaska | Se li estus Filo de vi aŭ de mi |
| Kruela Milito, | Celo de la Maiz-Bando. |
| Amerika Preĝo por Paco | |

Ĉiu kanto po 15 centoj, (0.75 Fr.) afrankite A. E. Beatty, Cardington, Ohio (Usono).



Regiona

DELEGITO

Universala Esperanto-Asocio

Tiu ŝildo (kliŝaĵon oni vidu ĉi supre) mezuras 29×19 cm. Ĝi estas el bona lado, kun blanka fono kaj verdaj literoj. Ĝi estas speciale taŭga por alfiksi kontraŭ dompordoj, en magazenoj, oficejoj, kontoroj, k. a.

La ŝildo estas luata al ĉiu Delegito po **2 Frankoj** (kun alsendo rekomendite). La luado daŭras la tutan tempon, dum kiu Delegito okupas sian postenon. Kiam li ĉesas esti Delegito, li devas resendi la ŝildon al la C. O. de UEA.

Mendo de ŝildo signifas akcepton de tiuj kondiĉoj.

Oni sendu ĉiujn mendojn kun mono al: *Universala Esperanto Asocio*, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis.).



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO